# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)

**N° 10. — Aprilo 1928.**

Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

**Unu numero :**
***0,1 dolaro***

**Jarabono :**
***0,5 dolaro.***




***Kotizo al I. S. A. E.***

Vidu trian paĝon de la kovrilo malsupre.

REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Ĝenerala Sekretario de I. S. A. E.

**35, Rue Du Sommerard**
**PARIS, France**

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.

**32, Grande-Rue**
**ENGHIEN-LES-BAINS (Seine-et-Oise)**
**France**

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CH. RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la eksteraj aferoj.

J. J. STIELTJES, ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs ».

VIKÁR, membro de la Hungara Akademio de Sciencoj.

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROF. HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U.S.A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

# BULTENO

DE

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

Nº 10. — APRILO 1928

---

## VIVO DE NIA ASOCIO

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ

### 1ᵉ *Novaj membroj aliĝintaj de la 1-a de Januaro 1928 ĝis la 1-a de Marto 1928*

**Japanujo**

**Ikeda** (J.), 26, Ŝin talema, Kanayawa.

**Rusujo**

**Pafomov** (A.), Place Internationale, Serpukhov.

### 2ᵉ *Ŝanĝoj de adreso*

**Poncet** (D-ro Louis), 22, Avenue des Gares, Louhans (Saône-et-Loire).

### 3ᵉ *Korektoj*

**Litauer** (Varsovio), nun estas advokato, ne prokuroro.

**Mac Cormick** (Irlando), fariĝas Dumviva membro.

**Eug. Wüster** (Charlottenburg), fariĝas Subtenanto.

**Jörgensen** (P.), (Danujo), estas stud. de teologio kaj semida filologio, en Badstrup p. Lynge.

## UNIVERSALA KONGRESO DE ANTVERPENO

La Ĝenerala Sekretario skribis al la Loka Organiza Komitato de la XX-a Kongreso en Antverpeno, por sciigi ĝin, ke nia Asocio kunsidos dum tiu Kongreso, kaj peti, ke ĝi rezervu unu aŭ du horojn por tio.

Dum la kunsidoj estos, kiel kutime, legataj la Oficialaj Raportoj pri la agado de nia Asocio. *Niaj kolegoj estas petataj sciigi nian Ĝeneralan Sekretarion pri la temoj, kiujn ili intencas prezenti je la diskutado kaj studado de la ĉeestantoj.*

Kiel ni faris okaze de la antaŭaj Kongresoj, ni klopodas por organizi vizitojn de sciencaj kaj industriaj organizaĵoj de Antverpeno kaj ĉirkaŭaĵoj de tiu urbo. Detalaj sciigoj estos donataj, se eble en nia venonta Bulteno, kaj ĉiuokaze je la malfermo de la Kongreso, de nia belga delegito S-ro *Vandevelde*, pri tre interesaj vizitoj en la instalaĵoj de la haveno, kiujn li nun aranĝas, interkonsente kun la Loka Komitato.

---

## PROGRESOJ KAJ SCIIGOJ

La **Farmakologia Revuo** de Japana Farm. Asocio, la plej aŭtoritata en Japanujo, akceptis proponon de samideano *D-ro Hattori,* aperigi la resumojn de la verkoj en Esperanto (I. M. R., jan. 1928).

Lastatempe **turistaj eldonoj kaj gvidfolioj** en Esperanto aperis pri *Brno* (Ĉeĥoslovakujo), *Cheltenham-Spa* (Anglujo), *Dordrecht* (Nederlando), *Dresden* (Germanujo), kaj *Torquay* (Anglujo); la turismaj oficejoj uzas nian lingvon por diskonigi eksterlanden la allogaĵojn de tiu lasta urbo.

Per oficiala cirkulero (Dir. III., Serv. E., N-ro 4627, 1927-12-4) la **Ministro de Publika Instruado de Rumanujo** rekomendis al la direktoroj de la meza instruado doni sian tutan helpon al la organizo de kursoj de Esperanto por lernejanoj kaj por la publiko.

Ni ricevis kelkajn opiniojn pri la **propono de nia samideano Herbert Muravkin,** kiun ni publikigis en la antaŭa numero de nia Bulteno.

S-ro *Fritz Wolff* (Berlin-Charlottenburg) kore aplaŭdas tiun proponon, ĉar jam je la fino de 1926, li insiste kaj longe korespondis pri tia organizaĵo kun S-ro *Jakob,* direktoro de U. E. A. Li opinias, ke oni povos kompletigi per informservo pri kunlaborpetoj de scienculoj « ĉar, li diras, pli kaj pli la specialiĝeco necesigas kunlaboron de pli malpli malsamaj fakanoj, kiujn la nuna stato nur tre malofte permesas trovi konvenajn.

« Pri la financa stato, mi tute ne zorgiĝas. La I.S.I.S. devos kaj povos baldaŭ doni profiton. La revuoj pagos volonte, unue por informoj, due por reklamo per raportoj pri iliaj artikoloj.... »

S-ro *Southern* (Cardiff) « tute konsentas kun la detaloj de la sugesto kaj volonte provos subteni ĝin.... »

Generalo *Jan Ramboušek* (Budejovice) opinias, ke « la propono estas realigebla, kondiĉe, ke la preparaj laboroj, t. e. publikigo en ĉiuj esperantistaj gazetoj, atentigo pri la celo de I. S. I. S., pere de U. E. A., speciale per ĝiaj delegitoj al ĉiuj esperantistaj rondoj, alvoko al ĉiuj sciencaj akademioj, universitatoj, teknikaj aŭ similaj altlernejoj, k. t. p., por subteni aktive la internacian, sciencan kunlaboradon, evoluigi plej vaste la sciencan nivelon — estu zorge kaj grandmezure faritaj. Kompreneble restos I. S. A. E. la kerno kaj centro, eldonanta sciencan revuon monatan, kiu devus enhavi, laŭ sciencaj fakoj, ĉiujn sciindaĵojn pri progresoj kaj esploroj rilate al scienca laboro.... La korespondantoj de I. S. I. S. estas membroj de I. S. A. E., kaj ricevos de la Centra Komitato, por aparte interesaj, valoraj artikoloj, laŭdajn diplomojn, laŭeble premiojn je la fino de ĉiu jaro.... Inter la membroj de I.S.A.E. vi trovos multajn kunhelpantojn por la komencaj preparoj.... »

S-ro *D-ro Takács* (Hungarujo) « spertis, ke la sciencajn rondojn interesigas mem la faktoj. Ili estas ankaŭ la plej efika propagando. Ekz. la gazeto de hungaraj dentkuracistoj havas konstantan rubrikon (Esperanto-Kuracistaj sciigoj), en kiu mi komunikas la sciigojn rilatantajn la kuracistojn, kaj mi prenas ilin el la diversaj esp. gazetoj. Do

per I. S. I. S. mia laboro estos plifaciligata.... La sola malfacilaĵo estas trovi monrimedojn. Eble per plialtigo de la kotizo per 30, 50 °/₀ kaj forlaso de 1-2 numeroj de la Bulteno, ĝi estas tamen solvebla.... »

S-ro *D-ro Briquet* (redaktoro de Internacia Medicina Revuo) opinias, ke « la projekto estas teorie tre bela, sed praktike tute ne efektivigebla. Ĝi estas surpapera plano de konstruaĵo, por kio mankas la fundamento : *mono* kaj la laboristaj *fervoruloj* en multaj landoj.... »

(S-ro *Rollet de l'Isle* opinias tute same. Sed la demando estas tiel grava kaj ĝia sukceso estus tiel impresiga, ke ni deziris starigi kiel eble plej plenan diskutadon kaj ekzamenon, por ke eĉ plej malgranda ŝanco de plenumado ne estu perdita.)

Nia eminenta kolego *D-ro Cyrill Vörös* (Hungarujo) skribis al ni pri tiu temo interesan leteron, el kiu ni elprenas la sekvantajn ideojn : « Ĝuste asertas S-ro M., ke per nura propagando ni ĉe seriozuloj nenion atingos : ni devas prezenti al ili faktojn.... Ĉefa tasko estus ebligi, ke scienculoj ricevu precizan sciigon pri kie ajn, en kiu ajn lingvo, aperinta scienca verko, ĉu memstara, ĉu artikolo en iu bulteno. Tiu ĉi celo estas atingita per eldono de esperantlingva bibliografia revuo, kiu komunikos, ordigita laŭ fakoj, la titolojn de l'aperintaj verkoj kaj artikoloj en ĝiaj nacilingvoj ; aldonata en krampoj estos la esperanta traduko de l' titolo kaj se la titolo nur proksimume montras la enhavon, ankaŭ tre konciza raporto.... Memkompreneble, en komenco, ĝis kiam I. S. I. S. ne estos tute organizita, la bibliografia revuo estos nur malriĉeta ; ĝi restos nur en la rondo de l' Esperantistoj. Post kelkaj jaroj, kiam ĝi jam plene funkciados, specimenekzempleroj estos sendataj al ĉiuj sciencaj societoj kaj ĉefaj librovendejoj, kun alvoko al abono kaj reklamkomunikoj.... La komenco necesigas monon : el kie preni tiun ? Konvena alvoko al samideanoj eble havos bonan rezulton. Mi estas ema esperi, ke inter la 350 membroj de I. S. A. E. troviĝos 100, kiuj oferos por la granda celo dum kelke da jaroj pojare 25 dolarojn, kaj troviĝos aliaj 200 inter tiuj Esperantistoj, kiuj ordinare vizitas Universalan Esperanto-Kongreson, kiuj post nun bonvolos tien iri nur en ĉiu dua jaro, kaj la spezojn de alia jaro oferos al I.S.I.S.... »

El posta letero de S-ro *Muravkin,* ni eltiras la sekvantajn pluajn klarigojn : « ...Sin okupi pri I. S. I. S. devos ne nur junuloj, sed ankaŭ plenaĝaj membroj de I. S. A. E.... La laboro ne estos tro granda por la kunlaborantoj. Plejparte sufiĉos mallonga skizo de iu laboro... nur se estas iu tre grava afero, oni povos plidetaligi. La oficejo de I.S.A.E. publikigos, ke ĝi liveras la diversajn artikolojn originalajn aŭ koncernajn informojn laŭ postulo de interesulo (esperantajn tradukojn kompreneble) ; do al I.S.I.S. ni aligos informoficejon malgrandan, kiu ankaŭ peros por diversaj petoj alilandaj, ligiĝo de du sciencaj organizoj por libro-, materiinterŝanĝo, informo pri institucio, k. t. p. «

Nia kolego *Dejean,* profesoro ĉe la Scienca Fakultato de *Grenoble,* skribas : « ... Mi persone intencas helpi kiel eble ĉion, kion oni povas fari laŭ la dirita direkto. Estas certe, ke nia Bulteno ne rilatas kun la graveco de nia Asocio ; sed oni devas diri ankaŭ, ke Internacia Scienca Revuo ne plene satigis la sciencajn Esperantistojn. La plej grava malfacilaĵo, renkontita de tiu revuo estis, ke ĝi estis tro ĝenerala, kaj nun pli kaj pli la scienculoj estas specialuloj, kiuj laboras en unu nura fako de la scienco. Kio interesas ĥemiiston, ne multe plaĉas al matematikisto, k. t. p. Mi do pensas, ke, ĉar ni havos, almenaŭ komence, tro malmulte da mono, oni povus komenci laŭgrade. Unue oni ne devas forlasi nian Bultenon, kiu estas la sola ligilo (aŭ, se oni volas, ligileto) inter la sciencaj Esperantistoj. Due provi organizon de I. S. I. S. en la scienca fako, kie la Esperantistoj estas la plej multenombraj. Mi memorigas, ke antaŭ la milito, mi organizis sekcion de fizikistoj kaj ĥemiistoj en I. S. A. E. kaj provis rikolti esperantajn resumojn de la ĉefaj artikoloj freŝdate aperintaj en la fizikaj kaj ĥemiaj revuoj en la tuta mondo. La unua kolekto de tiuj resumoj estis ĉe la presisto kiam la milito okazis. Ĉio estis de nun haltigata, sed, ĉar mi havis tute precizan kaj ne tro ĝeneralan celon, mi ricevis de miaj korespondantoj la plej sindonan akcepton. Mi do pensas, ke oni povus tre bone sukcesi se oni rekomencus limigante sin ekzemple al Fiziko kaj Ĥemio. Poste oni povus vidi. Cetere Medicino jam havas specialan organismon, kaj en la aliaj Sciencoj eble ne troviĝas ankoraŭ sufiĉe da samfakaj Esperantistoj. Laŭnature la specialistoj,

kiuj uzos la servojn de I. S. I. S. pagos specialan kotizon, tre malgrandan komence, sed kiu plialtiĝos kiam la servoj ankaŭ pligraviĝos.... »

La **Internacia Revuo Aeronaŭtika** publikigis en sia numero de Decembro 1927, artikolon de nia kolego *Archdeacon*, titolitan Aerveturado kaj Esperanto, en Esperanto kaj franca lingvo. Ni konsilas al niaj membroj kuraĝigi la eldonistojn de tiu revuo, skribante al ili aŭ eĉ abonante la revuon. Adreso : *Koningstraat 15, Arnhem, Holland.*

Nia kolego *Atanas D. Atanasov-Agro* publikigis esperantan resumon de sia tezo, titolita «Anatomio kaj maturigo de la ŝalmoj de unu tritika planto, — Koloso de Rozgrad (triticum turgidum) ».

Jam antaŭ kelka tempo, ni sendis cirkuleron al la **naciaj esperantaj gazetoj,** petante, ke ili aldonu al siaj artikoloj redaktitaj en nacia lingvo, **resumon en Esperanto.** Ĉar, ni diris, ni postulas tion de la naciaj teknikaj revuoj, estus bone, ke nia gazetaro donu tian ekzemplon.

Ĝis nun tiu peto — kiun ni denove adresas al la interesuloj — ne estis sukcesinta. Ni estas des pli feliĉa konstati, ke, en siaj lastaj numeroj, la dana gazeto *La Forta Voko,* redaktita de nia samideano *Paul Neergaad,* en Kopenhago, aldonas tiajn resumojn ; kaj ni gratulas nian samideanon pro lia decido.

Ni ankaŭ sciigas, ke la Komitato de **Annales de la Faculté des Sciences de Toulouse** (Jarbulteno de la Fakultato de Sciencoj de *Toulouse*) decidis publikigi en Esperanto la resumon de ĉiu artikolo en franca lingvo.

Tiun sukceson ni ŝuldas al la nova **Franclanda Esperantista Universitata Federacio,** kiu, per sia Kongreso okazinta en *Toulouse* dum la monato de Decembro 1927, ne nur varbis sufiĉe grandan nombron da profesoroj kaj studentoj, sed altiris gravan atenton de tiuj rondoj. Nia prezidanto *Prof. Bujwid* speciale venis Francujon por ĉeesti tiun Kongreson, kaj alporti kuraĝigon kaj apogon de nia Asocio.

Ankaŭ la prezidanto de «Internacia Centra Komitato», *D-ro Privat*, ĉeestis kaj faris kelkajn paroladojn elokventajn, kiel kutime, kaj prelegojn, kiuj montris la altan valoron de nia lingvo.

La sekvanta artikolo montras la celon kaj la rimedojn de tiu nova movado en la Universitato.

---

## ESPERANTA MOVADO EN UNIVERSITATO

Lastjare, dum Konferenco en *Lyon,* estis kreita, en kadro de la nacia propaganda societo, la **Franclanda Esperantista Universitata Federacio,** celanta la plivigligon kaj raciigon de nia propagando en la universitataj medioj, kaj la praktikan uzadon de nia lingvo por la universitataj laboroj. Ĝi esence konsistas el lokaj sekcioj, «*Esperantistaj Kluboj Universitataj*», kreitaj kaj kreotaj en ĉiu urbo de la lando, kie la universitata vivo estas, je iu ajn vidpunkto, sufiĉe grava, — kaj el izoluloj, en la urboj, kie ne jam estas starigita sekcio. Povas esti membro de la Federacio kaj de ĝiaj sekcioj, ĉiu persono, kiu prelegas, studas aŭ studis en iu franclanda universitato, aŭ posedanta iun ajn universitatan diplomon.

Post unujara ekzistado, F.E.U.F. havis, dum kristnaska libertempo, de la 27-a ĝis la 30-a de Decembro 1927, sian unuan tutlandan kongreson, en *Toulouse,* kie ĝi enkalkulas sian plej fortan sekcion. Tiu kongreso okazis sub la protekto de la franca ministro por Publika Instruado S-ro *Herriot,* kiu delegis S-ron *Dresch,* rektoro de la Universitato de *Toulouse,* por lin reprezenti oficiale, kaj prezidi efektive la kongreson. Tiun ĉi ĉeestis tre gravaj eminentuloj de la esperanto movado (S-ro Prof. *Bujwid,* prezidanto de I. S. A. E., kaj S-ro D-ro *Privat,* prezidanto de I.C.K.), kaj de la loka akademia estraro (S-ro *Dresch,* rektoro ; S-ro *Durbach,* dekano de literatura fakultato, membro de l'franca Instituto; S-ro *Cosserat,* direktoro de l' universitata Observatorio, membro de l' franca Scienca Akademio ; S-ro *Nicolas,* direktoro de l'loka agrikultura instituto).

Laborkunvenojn partoprenis la delegitoj de la federaciaj sekcioj kaj izoluloj, ŝatinde helpataj de l' trafaj konsiloj de S-roj *Privat* kaj *Bujwid.*

Dum tri plenplenaj labortagoj, la kongreso studis la rimedojn por antaŭenpuŝi plej vigle nian movadon en universitato. La rezultojn de tiu laboro oni povas skeme resumi tiele :

1-e En la kampo de landa interna agado, la Kongreso decidis :

*a)* krei en ĉiu franca universitata urbo respektivan sekcion, aŭ almenaŭ delegit-oficon ;

*b)* prepari vastan tutlandan enketon pri Esperanto inter la lernejaj kaj universitataj rondoj ;

*c)* krei Universitatan Inform-Oficejon per Esperanto ;

*d)* peti la Ministron de Publika Instruado pri oficialigo de diplomoj donitaj de S. F. P. E. ;

*e)* rememorigi al Universitatanoj kaj Scienculoj la deklaracion pri Esperanto subskribitan de 40 membroj de l'Franca Scienca Akademio ;

*f)* eldoni propagandan vinjeton profite de la propaganda kaso.

2-e Pri ekstera agado, la decidoj staras jene :

*a)* organizi kontaktojn kun ĉiuj esperantistaj universitataj rondoj kaj izoluloj, ekzistantaj en la diversaj landoj ;

*b)* instigi kreon de universitataj esperantistaj landorganizaĵoj aŭ prepar-komitatoj en landoj, kie similaj organismoj ne ekzistas jam ;

*c)* kunvoki kun I. C. K. internacian konferencon, por krei internacian universitatan federacion esperantistan ;

*d)* peti I. C. K., ke ĝi enmetu en tagordon de la Antverpena Kongreso la problemon de Esperanto en universitato kaj invitu la naciajn societojn al pridiskuto de tiu problemo dum iliaj kongresoj de 1928 ;

*e)* propagandi la kreon de sekretarioj aŭ referatoj ĉe nacilingvaj universitataj (profesoraj, studentaj k. t. p.) asocioj por iliaj eksterlandaj rilatoj.

Jen do la grandegaj taskoj, kiujn la Kongreso donis al la de ĝi elektita « Ekzekutiva Komitato » por plenumi dum la venonta jaro. Nepre farota, sed nepre peza tasko, por kies taŭga plenumo la Komitato bezonas bonvolan kunlaboradon de ĉiu samideano, kiu ludas iun aktivan rolon en la universitata mondo. Membroj de I. S. A. E. ja estas ĉiuj universitatanoj, laŭ la difino donita de nia statuto.

*Insiste ni petas, ke ili bonvolu alporti al ni la apogon de sia aŭtoritato, enviciĝante en nia federacio.* **Varman kaj koran alvokon ni do faras al ĉiuj franclandaj I. S. A. E.-anoj !**

Antaŭ ol disiĝi, la Kongreso fiksis tiele sian estraron por 1928 : Prezidanto, S-ro *Cotton,* profesoro ĉe la « Sorbonne », membro de franca Scienca Akademio ; Ekzekutiva Komitato, konsistanta el kvin membroj : S-ro *Despeyroux,* ĝenerala sekretario ; S-ro *Zylberstejn (Toulouse),* sekretario por eksterlandaj rilatoj ; S-ro *Le Bourhis (Rennes),* sekretario gazetara ; S-ro *Croisat (Lyon),* kasisto. Administra sekretario estas pli poste elektota.

La adresoj de la Federacio estas por *ĝenerala sekretariejo : 15, quai Claude-Bernard, Lyon ;* la adreso de la *eksterlanda sekretario* estas : *8, rue Baour-Lormians, Toulouse.*

CH. DESPEYROUX
*Ĝenerala sekretario de F. E. U. F.*

---

## REKLAMA FAKO

Preskaŭ neniu el la esperantistaj gazetoj aplikis la rimedon de reklamo, de ni montritan, presigante sur la kovertoj de siaj poŝtsendaĵoj la devizon, kiun ni proponis. Nur nia kolego *D-ro Briquet,* ĉefredaktoro de « Internacia Medicina Revuo », presigis en franca, angla, germana, hispana kaj itala lingvoj, tiun devizon sur la poŝtkovertoj de la ekzempleroj de sia fama gazeto. Eble tiu ekzemplo estos imitata !

Ankaŭ nia kolego *Ed. Wilcocks (Essex)* uzas stampilon verde koloritan, kun la frazo angle redaktita :
« *Esperanto por ĉiuj eksterlandaj korespondaĵoj ; la plej facila kaj klara lingvo ; lernu kaj uzu ĝin.* »
Taŭga ideo, sed la frazo estas tro longa kaj devus esti ŝtampita sur la antaŭa parto de la koverto.

La vendado de niaj reklamaj glumarkoj internaciaj pligrandiĝis de la lasta numero de nia Bulteno ; nun dek-mil ekzempleroj estas preskaŭ elĉerpitaj, kaj ni mendis aliajn.

Same pri la mil poŝtkartoj. Nur malmultaj francaj glumarkoj estas disvenditaj ; nova bedaŭrinda konstato de la nevigleco de nia movado en Francujo !

Nia kolego *Daglio* (Palermo) eldonigis reklamajn glumarkojn itale redaktitajn, kaj intencas vigle propagandi pri tiu ideo en la itala esperantistaro.

Ni ricevas la sekvantan reklamon, pri kiu ni atentigas niajn membrojn :

« Preparante la eldonon de la **Tutmonda Adreslibro de inĝenieroj, ĥemiistoj, teknikistoj de ĉiuj landoj, komprenantaj Esperanton,** ni petas vin en la intereso de l'afero kaj viaj propraj, havigi al ni kiel eble plej baldaŭ (almenaŭ per poŝtkarto) viajn familian kaj antaŭan nomon, detalan adreson, karakteron de via agado, kie vi servas, k. t. p. Presigo de ĉi tiuj informoj estas senpaga. — Bonvolu adresi jene : *Esperanta Internacia Komerca Informilo, M. Wittenberg, Berlin W. 62, Kleiststr. 31, Germanujo.* »

---

**KOTIZO. — Ni insiste petas niajn membrojn pagi la jaran kotizon por 1928 kiel eble plej baldaŭ, atentigante ilin pri la nova adreso de nia Kasisto, kiu nun estas :**

**S-ro Rousseau, 32, Grande Rue, Enghien-les-Bains, Seine-et-Oise, France.**

**Por la francoj : Poŝta ĉekkonto N° 698-55, Paris.**

# PRELEGOJ DE LA SOMERA UNIVERSITATO

Kiel oni scias, dum la Universala Kongreso de *Danzig* okazis prelegoj en la **Somera Universitato.** Laŭ « Aŭstria Esperantisto » ni donas sube resumon de kelkaj el ili.

**Poŝtkonsilanto Behrendt** parolis pri « *Longdistancaj kabloj, ilia teknika fundamento kaj interna valoro ekonomia* ». Li klarigis la maloportunaĵojn, kiuj devenas el la fakto, ke superteraj linioj estas elmetataj al multaj perturboj. La invento de *Pupin* ebligis pligrandigi la distancon de telefona interkomprenebleco, sed tiaj superteraj linioj estas speciale sentemaj kontraŭ izolado. Teknikaj konsideroj devigis al ekuzo de kablo, kiu naskis aliajn malfacilaĵojn. La preleganto klarigis la rimedojn por forigi tiujn, kaj montris kelkajn lumbildojn por ilustri la necesan ekuzon de kablo anstataŭ supertera linio. En dua prelego li traktis la internan ekonomian valoron de longdistancaj kabloj. Tiuj ĉi faciligas interkomunikiĝon de lando al lando ; la fabrikanto sekve povas havigi krudmaterialon el tiu loko kaj je tiu tempo, kiam la aĉeto estas plej oportuna. Fabrikado povas esti instalata tie, kie krudmaterialo estas havebla. Malplikosta fabrikado malpli kostigas la pretajn objektojn ; sekve komercado pliviglîĝas pro pli granda konsumo. La longdistancaj kabloj kune kun radio ebligas partoprenon en kunvenoj, kiuj okazas en diversaj lokoj ; ĉar per laŭtparoliloj oni povas atingi la ĉeestantaron en salonego, longdistancaj kabloj permesas interligi la salonojn, do la aŭskultantaro kreskas ĝis senfino.

**Profesoro D-ro Schmidt** en sia temo « *Unuecigo kaj normigo en termagneta sistemo* » priparolis la unuajn observojn pri termagnetismo, elirante el la fundamenta libro de l'angla Doktoro *Gilbert,* kiu konkludis laŭ la observoj de deklinacio kaj inklinacio, ke la tero mem estas granda magneto. La preleganto raportas poste pri la mezurmetodoj por la magnetaj fortoj, nome per osciladoj de magnetetoj,

kaj montras, ke oni per tio povas kompari la fortojn en diversaj lokoj de la mondo, kiom longe tiuj ĉi helpmagnetoj restas senŝanĝaj. Do, ĉar tio ne okazas daŭre, estis la problemo sendependigi sin de ĉi tiuj ŝanĝoj. En dua prelego, *D-ro Schmidt* klarigas en matematika formo la metodon de *Gauss* por la solvo de ĉi tiu problemo, metodo ĝis nun ĝenerale aplikata. Li plue montras, ke *Gauss* plivastigis la fundamentan penson al ĉiuj fizikaj mezuroj, kaj por tio estiĝis la kreinto de la absolutaj mezuraj unuoj, kio estas la unua kaj certe plej bona ekzemplo de unuecigo.

**Doktoro Odo Bujwid** prelegas pri « *Unuecigo en kampo de higieno kaj profilakto* ». Estas kelkaj malsanoj, kiujn ĉiuj nacioj kaj societoj devas kune kaj komune kontraŭbatali. Tuberkulozo, seksaj malsanoj, malsanoj de infanoj arte nutritaj, epidemioj kiel tifo, ĥolero, pesto, k. t. p. Krome estas menciindaj malario, flava febro, kelkaj tropikaj malsanoj kiel ekzemple ankilostomiaso. Kvar kvinonoj de la homoj en tropikaj zonoj suferas je ĉi tiu malsano kaj pro tio ne povas labori. Oni povas diri, ke kulturo kaj civilizacio de Eŭropo estas tiel alta, ĉar ĉi tiu malsano en Eŭropo ne ekzistas, kaj nur pro tio, ĉar la vermo, kiu kaŭzas la malsanon, ne postdaŭras froston. — Ligo de Nacioj penas fari unuecigon en la kontraŭbatalado de ĉi tiuj malsanoj, kreis pro tio apartan « Sekcion sanigan », kaj instalas ŝtatajn higienajn centrojn kun higienaj institutoj, kiel en *Warszawa, Zagreb*, k. t. p. En ĉi tiuj institutoj oni klopodas kompletigi la restintajn mankojn en praktika higiena instruado ĉe la universitatoj, kiuj ofte laboras science sed ne praktike. Kun helpo de kelkaj noblaj homoj (ekz. *Rockfeller*), Ligo de Nacioj aranĝas vizitadojn ĉe konataj higienaj instalaĵoj (akvokondukiloj, domkanaloj) en diversaj ŝtatoj kaj urboj, en kiuj partoprenis diversnaciaj higienistoj. De tempo al tempo oni aranĝas en diversaj urboj kunvenojn pro la sama celo ; sed estas granda malhelpaĵo. Oni senutile perdas tempon pro la traduko el la diversaj lingvoj en la kongresan, kiun tre ofte ankaŭ multaj ne komprenas. Pro tio la higienistoj lernu Esperanton kaj uzu ĝin kiel kongresan lingvon.

**Univ. prof. D-ro Asada** (*Nagasaki*, Japanujo) parolis pri la stato de la juĝeja medicino en Japanujo. Antaŭ kvardek jaroj la juĝeja medicino troviĝis tute en la manoj de juĝistoj, kiuj aplikadis ĥinajn leĝojn. Post ĉi tiu epoko, kiun la preleganto nomas « malluma », ekzistis « kreanta » periodo iniciita de *Katajama*, la disĉiplo de prof. *Hoffmann* en *Wien*, kaj de doktoroj *Okajama* kaj *Mita*, disĉiploj de prof. *Kratter* en *Graz*. De la lastaj japanaj profesoroj, la preleganto mem estas disĉiplo. En Japanujo troviĝas nuntempe 6 ŝtataj kaj 7 privataj medicinaj fakultatoj. Se la japanaj juĝistoj ne scipovas juĝi, en tiaj okazoj ili altiras la jurmedicinajn fakulojn. Pro tio — precipe en la lastaj kvin jaroj — la jurmedicinaj kuracistoj havas sufiĉan tempon okupiĝi pri precizaj sciencaj laboroj. — Fine li prezentas tri sciencajn laborojn de siaj kunhelpantoj : 1-e Pri la mikroskopa konstruo de la naturlasita kaj tranĉadata kap-haro kaj pri ŝanĝiĝoj, kiuj en ĝi estas observataj ĉe ambaŭ seksoj dum la evoluado ; 2-e Pri la polvo kuŝanta sur la vestoj, manoj kaj vizaĝo, kiuj ebligas ekz. la konstaton, ke la krimulo ŝanĝis sian veston ; 3-e Laboro estas farita en kvin tute izolaj japanaj vilaĝoj, kiu ebligos venontatempe konstati la patrecon daktiloskope. — Fine li akcentas, ke nur per Esperanto estas eble al la japanaj scienculoj, esti en necesa kontakto kun la alia scienca mondo.

~~~~~~~~~~
~~~~~~~~~~

# ENKETO EN RADIO-AMATORAJ RONDOJ

## CELO KAJ UZO

Tiu enketo intencas utiligi Esperanton per la Radio-Amatoraro, prec. de la mallongaj ondoj.

Ni jam konas duoncenton da amatoroj Esperantemaj el naŭ landoj, kaj esperas havigi al ni detalaĵojn pri plureblo. Bonvolu vin turni al via loka radio-unuiĝo kaj vin prezenti kiel helpanton al tradukado. Zorgu, ke la demandaroj estu plenigataj kaj post du semajnoj resendataj. El la respondoj ni kompilos duan cirkuleron, sendotan senkoste al ĉiu partoprenanto.

## DEMANDARO POR AMATORO SENDANTA

1) Voksignalo
2) QRA = Loko do la stacio
3) QRC = Lat. long. (Greenwich)
4) Tempdiferenco rilate al mondtempo (G. M. T.)
5) Adreso publikigota (oficiala)
6) Adreso privata (nur por sekreta kartaro)
7) Inpt = Potenco en la valvoj Watt
8) WVL = Ondlongeco de la aparataro m.
9) QRH = Ondlongeco kutima aŭ registare ordonita m.
10) Ĉu vi sendas nur grafie ? Ankaŭ fonie ?
11) dx = trafpovo grafie km. ; fonie km.
12) QRV = Kutima agadtempo
13) Ĉu vi estas nur operacianto (op.) ?
aŭ ankaŭ posedanto ?

## DEMANDARO POR AMATORO RICEVANTA

14) Numero organizacia
15) QRA = Loko de la stacio

16) QRC = Lat. long. (Greenwich)
17) Tempdiferenco rilate al mondtempo (G. M. T.)
18) Adreso detala
19) Kiom da valvoj havas via aparato ? O—V—O, 1, 2
20) WVL = Ondlongeco de la aparataro m.
21) Ĉu vi ricevas laŭ Morse ? Rapideco ? signojn po minuto
22) dx = Trafpovo grafie km., fonie km.
23) QRV = Kutima agadtempo

## DEMANDARO ĜENERALA

24) Ĉu vi scias Esperanton ? Lernas Esperanton ?
25) Ĉu vi deziras korespondadon en Esperanto ? Pri ?
26) Al kiuj radio-organizacioj — preferinde internaciaj — vi apartenas ?
27) Specialaj deziroj kaj rimarkoj

---

## KLARIGOJ AL KELKAJ DEMANDOJ

2) Loko kie troviĝas la anteno, ne la « studio ».
4) = 17) Mondtempo estas la tempo de la Greenwich'a meridiano. Ekzemple Mez-Eŭropa Tempo (M. E. T.) estus = unu horo de diferenco da oriento.
5) = 18) Estos publikigata en proksima cirkulero sendota al ĉiuj.
8) = 20) Amplekso de la diversaj ondlongecoj akireblaj per la dimensionoj de la agordiloj de via propra aparataro.
9) Ondlongeco(j) de vi kutime uzata(j) aŭ speciale permesita(j) al vi de la registaro.
11) Kiom granda (en km.) estas la distanco de la plej malproksima stacio, kiu sendis al vi QSL-karton ?

14) Rilatas nur tiujn landojn, kie ekzistas speciala organizacio de Amatoroj por mallongaj ondoj, kiu disdonas apartajn numerojn al siaj membroj. — Ekzemple : Anglujo (BRS) ; Germanujo (DE) ; Francujo (R) ; Jugoslavujo (P) ; Nederlando (UR) ; Sovjet-Unio (RK).

19) Substreku la malaltfrekvencajn, kiujn vi povas uzi.

22) Kiom granda (en km.) estas la distanco de la plej malproksima stacio, kiun vi fakte aŭdas ?

27) Bonvolu tie noti detale, ĉu vi jam sendis aŭ ricevis Esperanton per *stacio amatora ;* kiam, kiun kaj adreson. — Donu ankaŭ adresojn, al kiuj tiu ĉi cirkulero estu sendota.

D-ro WALTER DÖHLER
*Rosenplatz 11, Riesa (Germanujo).*

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris — Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn.

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.
**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.
**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.
(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

**KOTIZOJ** sendotaj al la kasisto **S-ro Rousseau, 32, Grande-Rue, Enghien-les-Bains (Seine-et-Oise), France.** Por la Francoj : Poŝta ĉekkonto nº 698-55 Paris.

# SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

Fr. fr.

**Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) . 4.—

**Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) . . . . . . . . . . . . . . . 12.—

**Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle). . . . . . . . . . . . . 2.50

**Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) . . . . . . . 12.—

**Konsilaro por la farado de la Sciencaj kaj Teknikaj Vortoj** (Komisiono de I. S. A. E., direktoro Rollet de l'Isle), 1911 . . . . . . 10.—

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

**Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster). . . . . . . . . . . —.—

**Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) . . . . . . . . . . —.—

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

**Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) . . . . . . . . 5.—

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

**Raporta Stenografio**, alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . —.—

# TEKNIKAJ REVUOJ

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

**Internacia Radio-Revuo**, jarabono 0,5 dolaro ; abonejo : M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.